Porto Alegre,
Julio/Aŭgusto 2007 – N-ro 29
Kreita en 1997



# Gaja Haveno

Saluton! Mi estas Bernardo. Mi estas bufo kiu parolas Esperanton. Ĉu vi surpriziĝas? Bone, mi esperas, ke ni estos bonaj amikoj... ĉar de nun mi ĉiam aperos en GH! Kŭaks!



## Kion ili diris

Iu originala verkisto ne estas tiu kiu imitas neniun, sed tiu kiun neniu sukcesas imiti.
**[Chateaubriand]**

Barbaroj! Ideojn oni ne mortigas.
**[Sarmiento]**

La ideojn: oni vivu ilin.
**[André Malraux]**

Du ekscesoj: ekskludi la racion kaj nur agnoski la racion.
**[Pascal]**

La homo kiu ne scipovas rideti ne povas instali vendejon.
**[Ĉina proverbo]**

Mi estas civitano, ne el Ateno aŭ el Grekio, sed el la mondo.
**[Sokrato]**

Mi ne havas mesaĝon. Mia mesaĝo estas mia vivo.
**[Gandhi]**

La dubo estas unu el la nomoj de la inteligento.
**[Jorge L. Borges]** ■

**INTERVJUO**

## 13 demandoj al Vaske

La ĉinumera intervjuo de GH estas kun S-ano George Otto Vaske, el São Sebastião do Caí.

**En kiu momento de via vivo vi ekkonis E-on?**
**Vaske>** Jaro 1951, en librovendejo, en Rio.
**Kun kiu personeco, vivanta aŭ ne, vi identiĝas?**
**Vaske>** Usona eks-prezidento Abraham Linkoln.



**Iu loko kiu plaĉus al vi koni.**
**Vaske>** Provinco Sichuan, Ĉinio.
**Iu libro, iu filmo, iu muzikaĵo.**
**Vaske>** *La Mondo en kiu ni Vivas*, Van Loon; *Fantazioj*, Charlie Chaplin; *La Tago en kiu vi min Amos*, per Karlo Gardel.
**Kion vi ŝatas spekti sur la TV?**
**Vaske>** *Jornal Nacional*_ kaj *La Placo estas Nia*
**Kian talenton vi ŝatus havi?**
**Vaske>** Esti sprita humoristo. Tiaj ege mankas al Esperantujo.
**Iu donaco kiun vi ŝatas gajni.**
**Vaske>** Neniun. Ĝi implicas reciproki. Malfacilas celtrafi.
**Iu revo.**
**Vaske>** Ricevi altegan Mega-premion [aludo al la lotuma premio Mega-Sena], starigi E-hotelon ĉe strando.
**Iu bela virino.**
**Vaske>** Libertad Lamark kun ŝia sorĉiga voĉo.



**Iu memoraĵo el la infaneco.**
**Vaske>** Serpenta piko, dum pluva tago, mi ses-jara knabo.
**Kiu estis la plej bona tago en via vivo?**
**Vaske>** Ĉiumonata lasta sabato, por revidi amikojn dum la tradicia Verda Kafo.
**Mi estas...**
**Vaske>** Olda, sensignifa veterano.
**Iu mesaĝo al la esperantistoj.**
**Vaske>** La kutimo senhonte ridi pri siaj eraroj kaj la neelradikigo de ĵaluzo kaj memkulto serioze baras nian movadon. Vekiĝu! ■

**MOVADO**

## 5-a Spiritista Renkontiĝo de Esperanto

La 1-an de majo okazis en Porto Alegre, en la Soc. União Espírita Porto-Alegrense, la 5-a Spiritista Renkontiĝo de Esperanto, kies ĉeftemo estis *Jesuo: la Inicinto de la Amo.* La programo estis dulingva kaj enhavis la jenajn aktivecojn: prelegojn *Mi, mi mem kaj la aliuloj*, far Zélia Zaghetto, *Jesuo kaj la Sekreto de la Divineco*, far Marcelo Stoduto, *La Libro de la Spiritoj*, far César Dorneles Soares, *Experiências de Quase-Morte*, far Lúcio Silva de Castro kaj *Vivência Mediúnica – Apoio Espiritual*, far Maria Gudin. Ankaŭ realiĝis iu arta momento, sub la kunordigo de Nilce Maria Rodrigues; meditado, sub la gvido de Marcelo Stoduto; debato pri la prezentitaj temoj kaj kunfratiĝa tagmanĝo. Entute 26 homoj partoprenis en la evento, kies 6-a eldono estas programita por okazi en 2008, en la Soc. Esp. Paulo de Tarso, en la norda regiono de la urbo.

# Blogo el Papero

< Instr. César Dorneles Soares

**IMPERIESTRO POLIGLOTO –** *Don* Pedro la 2-a, dua kaj lasta brazila imperiestro, estis iu vera poligloto. Li parolis la latinan, la francan, la germanan, la anglan, la italan kaj la hispanan; li legis la grekan, la araban, la hebrean, la sanskritan, la provencan kaj la tupi-gvaranian.

**KVANTE PLIMALGRANDA, KVALITE PLIBONA –** Kiam oni eventuale komparas la situacion de la nuntempa E-movado en nia urbo (kaj cetere en la landinterno de RS) kun tiu de antaŭ ekz. du jardekoj, oni konstatas, ke ĝi malfeliĉe malgrandiĝis ĉu laŭ nombro da E-nukleoj ĉu laŭ nombro da homoj partoprenantaj en ĝi, almenaŭ kiel lernantoj, kvankam la nombro da fluparolantoj restis plimalpli la sama. Ĉu oni povas imagi nuntempe la aranĝo de bazaj kursoj kun ĉ. 60, 70, eĉ 100 enskribiĝintoj kiel kutime okazis en la 80aj en DESEAK (Departemento de Esperanto de Spiritista Societo Allan Kardec), la plej granda kaj dinamika iam ekzistanta E-nukleo en RS? Nu bone, ne plu ekzistas DESEAK, ne plu ekzistas ESPA kaj multaj aliaj nukleoj pri kiuj ni fieris kiel signon de *ekspansiiĝo* de E-o tra la urbo – jes ja, fenomeno praktike limigita nur al spiritistaj instancoj, sed kion fari, se nur spiritistaj institucioj plifacile malfermas siajn pordojn al ia E-aktiveco? Aliflanke (de la monero...), jen kontentiga konstato: la Movado akiris plibonan kvaliton se oni pensos pri maturiĝo de ideoj kaj agmanieroj. Konkretaj ekzemploj: onia regiona asocio firmiĝis kiel instanco aganta sen interrompoj; plialtniveliĝis nuntempe la diskutado pri → diskonigado kaj instruado de Esperanto inkluzive per tute unika perfektiga kurso por instruantoj antaŭlonge aranĝita; la eldonoj de la regiona renkontiĝo fariĝis pliregulaj; nova renkontiĝo, en la kazo, la Spiritista Renkontiĝo de Esperanto, firmiĝas iom post iom kiel faka evento ĉiujara; danke al la progreso de la amasmedioj, precipe pri la apero de la interreto, eblas hodiaŭe, ke oni eĉ loĝanta en etaj urboj sen loka movado starigita memlernu Esperanton plifacile kaj tuje faru la unuajn kontaktojn kun aliaj E-istoj loĝantaj en iu ajn parto en la mondo – ĉu skribe ĉu parole. Fine, la Movado iras antaŭen malgraŭ malfavoraj cirkonstancoj. ■

*Antikva*

## *Porto Alegre*



▲ **1934: Aerŝipo Graf Zeppelin dum 15 minutoj superflugis la urbon je alteco de 300 m. Videblas la publika ĝardeno Otávio Rocha, en la urbocentro. Fonto: www.portoimagem.com**

## Tiel parolis Zamenhof

La sola, efektive vera montro ĉu ni progresas aŭ ne - estas la kreskado aŭ nekreskado de la nombro de esperantistoj. Ĉio alia estas nur rimedoj, sed ne faktoj.



Fonto: *La Esperantisto* n-ro 65 (1892)


Kolofono

**Gaja Haveno**

Dumonata E-gazeto sendependa
Redaktas César Dorneles Soares
Porto Alegre, RS, Brazilo
dornelessoares@uol.com.br
Senpaga distribuado.


## *Verda Kafo*

atendas vin en la lasta sabato de la monato, je la 16h. Partoprenu!



En la Trinkejo-Restoracio Tutty's: Av. Independência, 30 – Centro Comercial Independência.

## El la poŝt-kesto



Mi tre dankas al vi pro la elsendo de la reaperinta gazeto *Gaja Haveno.*
**< Marco Antônio F. Teixeira/ Santa Maria**

Gisto salutas la revenon de *Gaja Haveno*, Aprile/07. Brave, instr. César! Ĉiu legaĵo bonvenas em la gaŭĉa komunumo. Manke de pli oftaj renkontiĝoj indas je aplaŭdoj lia laboro. Kvazaŭ diamantfosisto li eltrovas erojn malfacile troveblajn de nur ĵurnala leganto.
**< George Otto Vaske/ São Sebastião do Caí**